kaj kontraŭaĵojn tre malfacile supereblajn : malvarmego, neĝo, neĝventego, peniga spirado, dezerteco, ktp... ne parolante pri la propraj malfacilaĵoj de la grimpado mem. Jes leciono pri kuraĝo kaj ankaŭ pri solidareca spirito, bona humoro kaj samcelemo.

Per la voĉo de la aŭtoro la pluvivantoj de la ekspedicio diras : « En tiu mizerplena korpo triumfis la spirito. Ĝi celebris sian venkon super la korpo. Ĝi celebris la sukcesan integriĝon de la eta homa estaĵo en la grandiozan naturon de gigantaj montoj ». Kaj la propra penso esperantista de Tibor Sekelj konkretiĝas per liaj jenaj vortoj : « *En tiu sublima momento, inter Tero kaj Ĉielo, inter vivo kaj eterneco, kara leganto, mi pensis je vi. Miaj pensoj flugis al ĉiuj esperantistoj de la mondo. En la espero, ke de tiu anteno, alte levita super la horizonto, mia penso facile atingos ĉiun homon en la mondo kun verda stelo sur la brusto, mi hisis la verdstelan flagon per manoj tremantaj...* »

*
**

Kuraĝuloj ofte estas simplaj homoj. Tibor Sekelj certe estas tia ! Lia stilo estas klara, flua, agrabla kaj « *simpla* ». La teĥnikaj vortoj estas tre malmutaj. Mi opinias, ke eĉ novesperantisto post unujara lernado povos facile legi la rakonton.

La eldonisto realigis belan libron. La tipografiaj tipoj estas elegantaj la fotoj belaj kaj la dupaĝa mapo permesas sekvi per la penso, paŝo post paŝo, la iradon de la simpatiaj montgrimpistoj. Tiu ĉi libro estas rekomendinda.

R. LÉGER.



**JUĜU MEM !** — Faktoj pri Ĉeĥoslovakio. Eld. Orbis, Prago 1960. 83 p. Havebla kontraŭ unu respondkupono ĉe Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato, Blanicka 4, Praha 12.

Kiu interesiĝas pri la diversaj flankoj de la socia kaj ekonomia vivo de Ĉeĥoslovaka Respubliko, tiu trovos abundan materialon en la broŝuro « Juĝu mem », kiu pliriĉiĝas la serion de la « *Faktoj pri...* », al kiu kontribuis jam aliaj landoj (Danlando, Norvegujo, Pollando, Vjet-Namo...). Oni trovos en ĝi enhavoriĉajn ĉapitrojn pri industrio, komerco, agrokulturo, pri politika sistemo kaj socia organizo (publika sano, instruado ktp).

Densa teksto, ofte seka pro la abundo de statistikoj, sed ĉiam klara kaj instrua.

Okcidentlandanoj legos kun intereso la ĉapitrojn rilatantajn al la ŝtata buĝeto, al la agrokulturaj kooperativoj, al la rekompenco de laboro en industrio kaj en agrokulturo. Ili pripensos tiun rimarkon : « Timi debitkrizon, kiu sub la antaŭa reĝimo minacis al terkulturistoj en bonrikoltaj jaroj, tio nuntempe estus tute absurda ».

Tamen, kelkaj punktoj bezonus pliajn detalojn. Organizo de la armeo kaj de militservo (nur aludita sur p. 10) tute mankas. Oni ŝatus ankaŭ ricevi klarigojn pri la jenaj punktoj : ĉiu moderna lando enskribas en sia Konstitucio la « liberecon pri preso kaj asociiĝado » ; sed kio plej gravas, estas la leĝoj, kiuj reguligas la uzon de tiu ĉi libereco (ekzemple, en Francujo, la leĝo de 1901 pri asocioj). Estus interese ekscii, kiamaniere la ĉeĥoslovakaj civitanoj povas esprimi publike siajn opiniojn, aŭ krei novajn asociojn (krom tiuj, kvazaŭ-ŝtataj, menciitaj en la Konstitucio) ; oni ankaŭ ŝatus ekscii, ĉu ekzistas ebleco veturi eksterlanden, por laboro aŭ turismo (nur organizitaj vojaĝoj estas menciitaj p. 44) ; kaj ricevi konkretajn ekzemplojn de la « rajto pri striko » menciita sur p. 49. Fine, por ricevi bildon de la viv-nivelo, necesus aldoni al la menciitaj prezoj de kelkaj varoj kaj servoj ekzemplojn de salajroj en la diversaj profesioj (la statistika meza salajro, indikita sur p. 52, ne sufiĉas).

Tiu ĉi broŝuro — unua Esperantlingva eldonaĵo en Ĉeĥoslovakio de pluraj jaroj — devas troviĝi en la biblioteko de ĉiu loka grupo kaj lerneja rondo.

Michel DUC GONINAZ.

P.S. — Por tiuj, kiuj dezirus studi pli profunde kelkajn punktojn, ni memorigu, ke la tekstoj de « Konstitucio de Ĉeĥoslovaka Respubliko » kaj de « Lerneja Reformo en Ĉeĥoslovakio » (eldonitaj antaŭ jardeko) estas legeblaj en nia Lingvo.



**Dictionnaire Pratique d'Espéranto.** Eldonis SAT-Amikaro, Paris. 1959. Prezo : 12 NF.

Tiu ĉi nova, 517-paĝa vortaro aperis en la sama formato, kiel la francaj vortaroj de prof. GROSJEAN-MAUPIN. Paĝoj 1-335 : parto Franca-Esperanta ; paĝoj 339-514 : Esperanta-franca.

En sia prezento (p. V) L. BANNIER ial forgesis mencii la ekziston de « Lexique fondamental Espéranto-Français » de R. LÉGER (1957), kiu verko igas preskaŭ superflua la duan parton de l'nova vortaro.

Aldono de malofte uzataj vortoj, kiel « aneli », certe malmulte utilos al komencantoj. La aliaj ja preferos vortaron *kompletan* aŭ specialan fakterminaron. Mi ŝatus scii, en kiu Esperanta teksto troviĝas « ksilokopo » ; tiaj radikoj interesas nur specialiston aŭ estontan verkiston de kompleta vortaro aŭ eble servos por aldona listo al « Grand Dictionnaire » de prof. G. WARINGHIEN.

La kunlaborintoj : E. DAZUN, F. BARONNET, R. LEVREAUD (ĉi lasta por la parto Esperanta-franca), R. LAVAL (ĉeftradukinto de la propraj nomoj), L. BANNIER, P. LÉVY kaj A. CAUBEL certe faris amplekson laboron, sed ili ne sufiĉe esploris la antaŭajn kompilojn. La enkonduko pretendas (p. VI), ke iuj vortoj troviĝas en neniu vortaro aŭ leksikono Esperanta-franca ; tamen « aneli » troviĝas en « Plena Vortaro Esp.-Espa kaj Esp.-Franca » de E. BOIRAC (p. 21),

(tirita el « Teknika Vortaro » de Ch. VERAX); same « aptenodito » (p. 27) kaj « kuracao » (p. 178 kaj plie en « Dictionnaire Français-Espéranto » de G. CHAVET kaj G. WARNIER, p. 63).

Mankas aliaj ekzemploj de tiaj « novaĵoj »... kies veran fonton mi povus facile indiki. La nunaj vortaristoj ŝajne decidis ignori, iom tro ofte, siajn antaŭulojn. Pasis la tempo, kiam oni aperigis liston de ĉiuj *veraj* neologismoj en nia centra gazetaro; nek Akademianoj, nek privatuloj nun prizorgas tiun esencan taskon de nia leksiko-logio. En ĉi « praktika » (?) vortaro oni enmetis ial terminojn apenaŭ uzatajn, sed tie mankas esprimoj tute ordinaraj, kies traduko ĝenas la komencantojn. Vane vi serĉus la vorton « y » en la franca-Esperanta parto! La sola novaĵo efektive utila estas la traduko de propraj nomoj (vidu ĉefine), kiun prof. G. WARINGHIEN jam inaŭguris en sia « Granda Vortaro ». En ĉi lasta verko oni legas « espéranto », laŭ la ortografio de *ĉiuj* francaj vortaroj, inkluzive de Larousse kaj Robert (Nouveau Littré). Malgraŭ tio niaj « praktikuloj » obstine forgesas la supersignon, kies uzon postulas la franca ortografio por konformigi la vorton al la vera prononco en franca lingvo. Komparu: espérantiste-espéranto. Ambaŭ vortoj estas nun adoptitaj en la komuna uzo. La nomo de nia lingvo ne plu estas kuriozaĵo, kiel estis komence de nia jarcento, kiam COUTURAT kaj LEAU en sia « Historio » kursive skribis la nomojn de ĉiuj proponitaj mondlingvoj, inkluzive de *Esperanto*.

Alia manko de ĉi nova vortaro, komuna cetere je la leksikono de R. LÉGER, estas la senkritika registro de iuj radikoj el la « Plena Vortaro » (4-a eld.).

Mi opinias, ke necesus pli multe konsideri la *fonetikon* de anglaj vortoj kaj la *internaciecon*; ekz-e « skutero » ŝajnas al mi pli bona ol « skotero » (ruse : « skuter », en « Fremdvorta Vortaro », p. 646); same « raĝao », pli simila al la parenca « reĝo » kaj al rusa « radĵa ». Kiam la parola uzo plioftiĝas, kreskas la graveco de pli internacia, laŭprononca, transskribo de iuj vortoj. Jen kial estas preferinda la formo « sovjeta », trovebla en tre multaj lingvoj (*). Pluraj gazetoj, kiel ekzemple « LA PRAKTIKO », uzas tiun ĉi imitindan ortografion; vortaristoj devus ĝin registri, same kiel ili notas aliajn duoblaĵojn el la speco « anarĥio-anarkio ».

Paul CILIGA.

*Suplemento.*

## DUBAJ FORMOJ EN « D. P. d'E. »

Afganio (« G.D. » de Prof. G. Waringhien : nur -lando).
Antilioj (en G.D.W. : Antiloj).
Argentinio (en G.D.W. : Argentino).
Bajrojto (en G.D.W. mankas Bayreuth).
Betoveno (en G.D.W. mankas Beethoven).
Beogrado (en G.D.W. : Belgrado).
Bengalio (en G.D.W. : Bengalo).
Bjelostoko (tiu ĉi estas la rusa formo; sed la urbo apartenas al Pollando, sekve Bjalistoko. Mankas en G.D.W.).
Birmio (Birmo en G.D.W. ; pli internacia estus Birmanio).
Budao (Buddo preferita en G.D.W. ; tamen aperas revuo « La Budha Lumo », sekve : Budho).
Burgonio (Burgonjo en G.D.W. ; tamen Ĉampanio!).
Ĉanelo (Maniko en G.D.W.).
Cicero (Cicerono en G.D.W., formo pli internacia).
Ĉopino (mi preferus : Ŝopeno, pro pola kaj rusa formoj).
Detrojto (akceptebla, sed mankanta en G.D.W., por Détroit).
Finlando (la loĝantoj preferas : Finn-).
Gvajanio (Gvajano en G.D.W.).
Ĝibraltaro (Gibraltaro en G.D.W. ; supersigno troas).
Ĝibutio (akceptebla, sed mankanta en G.D.W.).
Hondurio (fantaziaĵo, anst. Honduraso en G.D.W.).
Jeriko (en la Biblio kaj G.D.W. : Jeriĥo).
Judio (Judeo, internacia formo en G.D.W.).
Jakelina (anstataŭ Ĵakvino aŭ Jakobino en G.D.W.).
Karkovo (pli konforma al la originalo estus Ĥarkovo).
Kamboĝio, Kanadio, Kubio (en G.D.W. : Kamboĝo, Kanado, Kubo; kvankam ankaŭ en G.D.W. troviĝas Korsikio, mi preferus : Korsiko, -ano).
Karlomagno (pura francaĵo, mankanta en G.D.W. Plene sufiĉas Karlo la Granda).
Langvedokio (en G.D.W. : Langvedoko).
La Boétie povus resti neesperantigita je Laboecio.
Leonardo Vinĉo (da Vinĉi, laŭ la originalo).
Losanĝelo (kial ne : « La Anĝeloj » ?).
Malajio (Malaja Federacio en G.D.W.).
Mantovo (pli konforma al la originalo ol Mantuo).
Nikaragvio (en G.D.W. : Nikaragvo).
Novjorko (en Universala Vortaro, p. 5 : Nov-Jork).
Pakistan(i)o (nur Pakistano en G.D.W.).
Palestinio (en G.D.W. : Palestino).
Pamplono (ĉu plaĉos al hispanoj ? mankas en G.D.W.)
Paragvio, Urugvio (fantaziaĵoj, anst. Paragvajo, Urugvajo).
Rakela (en la Biblio kaj G.D.W. : Raĥel).
Rajmundo (en G.D.W. : Rajmondo).
Rio-Ĵanero (...de Janejro en G.D.W. ; ĉu forgesita supersigno ?). Oni atentu la originalon!
Ŝilero (en la Fundamento, parto gramatika : Ŝillero).
Tibetio (en G.D.W. : Tibeto).
Tieriko (por Thierry, mankas en G.D.W.).
Ukrajnio (en G.D.W. : Ukrajno).
Venezuelio (en G.D.W. : Venezuelo). Oni ĉiam kontrolu per la « Grand Dictionnaire ».

Plie oni tradukis la vorton « hickory » per neologismo, *karjo*. Laŭ *Enciklopedio Quillet* « hickory » estas la indiĝena nomo de « carya » (Nordamerika juglandarbo); sekve kial ne diri *hikorio*? Laŭ *Larousse du XX^e siècle* « la Amerikaj karjoj liveras elastan lignon, nomatan *hikorio* ». Ni notu, ke *Petit Larousse* malhavas « usucaper », sekve estus pli oportuna nura mencio de la substantivo « usucapion » (uzukapo), almenaŭ se tiu jura termino, malofte uzata, rajtas troviĝi en vortaro « praktika »!

P. C.

(*) Zamenhof mem skribis « sovjet » (vidu « La Gimnazio », p. 60).

**SENNACIECA REVUO,** n° 87 kaj 88. Sesdek paĝoj, el kiuj 56 da teksto. Eldonis SAT. Prezo : po NF. 2,50 por unu numero.

Jam el la unua postmilita kajero de S.R. (1952) mi eksciis, ke ĝi celas esti « kvazaŭ almanako revuanta la eventojn de la pasinta jaro en ĉiuj fakoj de la homa aktiveco, kun tute aparta prikonsidero amema de la sociaj problemoj de nia epoko ».

La sep unuaj numeroj prezentiĝis sub la sama kovrilo (nur la koloro variis) : 80 ĝis 85 estis presitaj en Aarhus (Danlando) sur iom malbona papero ; sed ĉar en 1957 « la presisto ne alportis la necesan zorgon kaj atenton kaj kaŭzis multajn fuŝojn en prezento kaj preso », S.R. elmigris al nia lando. En 1958 ĝi estis same blukolora, kiel en 1952. Tio ĉi fermis la cirklon. Okazis transformiĝo de la prezento.

Pasintjare la kajero havis specialan aspekton pro la Zamenho-jaro. A. CAUBEL detale analizis maljuste prisilentatan aspekton de l'penso de la Majstro. Vere la Zamenhofa homaranismo meritas esti bone konata de ĉiu kultur-esperantisto. Feliĉe la duvoluma kolekto « Leteroj de Zamenhof » konigis al la publiko aron da gravaj tekstoj ankaŭ pri tiu temo (1). Por tiuj esploristoj de la lingvo, kiuj demandas sin, kial la latinaj elementoj konsistigas la plimulton de la leksiko (= vorttuto ; leksikono estas *libro*), BARTELMES respondas per elokventa kulturhistoria prelego « Latineco triumfanta ». Aktualaj problemoj ne mankas : Gvineo, sociologio, ĥemia scienco. L. LAURAT prave konstatas strukturan ŝanĝon en nia movado pro amasa alfluo de novaj anoj, salajruloj. Kaj tute certe la Lingvo Internacia progresos en ĉiuj medioj nur per kunlaborado inter ĉiuj esperantistoj. Sed ĝia plej granda malamiko estas la sektemo, paralizanta la konstruan kunagadon pro artifike nutrata « konstraŭismo ». Hereditaj antaŭjuĝoj jam devas cedi la lokon al la objektiva prijuĝo de l'nuna realo kaj al ties logikaj konsekvencoj ! Nur strukture unuiĝinta movado, kun spirito konforma al la novaj tempoj, povos atingi la finan sukceson, t-e la oficialigon kaj ĝeneralan uzon de Esperanto.

Alegoria bildo sur la kovrilpaĝo inaŭguras la lastan kajeron de S.R. La papero fariĝis preskaŭ luksa. *Valo* « senmetode babilas » pri Descartes (2). Li konstatas, ke por solvi la problemojn de l'nuna scienco, profunde transformita dum la lasta jarcento, la kartezia metodo ne plu taŭgas... sed ke je la homa skalo la « leĝoj » plene validas, ke la novaj sciencoj restas aplikeblaj en « nia » universo. Kaj nun mi forigu gravan miskomprenon. Tro ofte oni atribuis ekskluzive al Descartes unu priskribon de la strukturo, kiun devas havi internacia komunikilo. Unu paragrafo el la letero al p. Mersenne famiĝis ; nia eseisto ĝin parte tradukis. Sed li forgesis (aŭ ne sciis) la atentigon de COUTURAT, ĉar ja temas pri analizo de flugfolio de nekonata aŭtoro (STOJAN parolas pri « mondlingva projekto de monaĥo Hugo » en sia « Bibliografio », p. 32), kiun Descartes ricevis de sia amiko kaj korespondanto, kaj kiu enhavis ses tezojn. La « profetaj vortoj » fakte nur precizigas la sencon de du el tiuj tezoj, la unua kaj la kvara : « lingvo interpretebla el la vortaro ». Venis la tempo por « rehabiliti » la *veran* profeton, maljuste prisilentatan. Alia paragrafo montras, ke Descartes revis pri *filozofia* lingvo, kiu helpus la juĝon, evitigus erarojn, forigus la konfuzan signifon de la vortoj por « pli bone prijuĝi la veron de l'kozoj » (3). Havante sub la okuloj jam preparitan tezaron kaj diskutante ĝin, Descartes povis logike dedukti la skemon de lingvo regula kaj praktika, sed li kun sentebla malŝato lasas ĝin al la « esprits vulgaires ». *Valo* tute malĝuste tradukis : « mezkapablaj mensoj ». Descartes celis videble la amason malkleran pri la « vera filozofio », ĉar li deziris lingvon, kies ellerno samtempe lernigus ĝuste pensi. Kaj IDO certe ne estas tia ; mi opinias, ke ties ĉefa difekto kuŝas ne en la reformado mem (4) sed ja en eksterordinara rigideco, ŝuldata al tro striktaj, aprioraj derivreguloj, kontraŭaj al la principo de sufiĉo, t-e al la esenca leĝo pri minimuma peno (natura ŝparemo je esprimiloj). Kelkaj eminentuloj iam transiris (aŭ aliĝis) al IDO, sed ĉar tiu ĉi sistemo estis malvive naskita, ilia elekto kondukis ilin al senelirejo. Neniel timinda ŝajnas al mi, « honesta neŭtralulo » (5), unu plia aliĝo al IDO, eĉ traduko de « Candide » en tiun sistemon kaj presigo de verko analoga al « Plena Vortaro ». Fakte se Esperanto malaperus, ni estus idistoj... sed tiam la praktiko mem nepre devigus forigi la katenantajn derivregulojn ! Aliĝo de persono — kiu kaŭzis profundan dividon en nia organizita movado — al alia lingvo ol Esperanto, eble estus evitinta ĉe ni la naskiĝon de nova ismo, kiu malebligas ĝustan interpreton de l'Bulonja Deklaracio, objektivan pritakson de l'neŭtraleco kaj ĉefe komunan organizon de la movado surbaze de federaj principoj kaj de *klara distingo* inter strebo al ĝenerala enkonduko de l'Lingvo Internacia disde ties utiligo por specialaj celoj aŭ esperoj, por kiuj la esperantismo *ne* respondas. Mia « senpasia imago » certe estus preferinta vidi harmonion anstataŭ antagonismo, rezultanta el dikotomio, kiu malfortigas la por-Esperantan agadon pro manko de unueco en ĝia organizo (6).

Plej interesa artikolo en la 88-a S.R. estas studo de profesorino KORNELIA TAVERNA pri Italio (geografio, historio, organizo, ekonomio, politika kaj socia situacio), ornamita per kvar belaj fotoj. Esceptokaze la redakcio represigis artikolon el « La Suda Stelo » pri strikrajto en Jugoslavio. Min ĉarmis trafa prezento de anglaj studentaj kantoj, farita de MARJORIE BOULTON. Temo nekutima en nia gazetaro. Alilandanoj devus fari similajn analizojn, ĉiu pri siaj kantoj. Tre utilos al la legantoj de « Vojaĝo al Kazohinio » la klarigoj de ties aŭtoro. Multaj aludoj aŭ travestioj ŝajnis al mi obskuraj, foje eĉ konfuzigaj. Nun oni komprenos. Por inde fermi la kajeron, jen la « ridpunkto » de RAYMOND SCHWARTZ... same sprita kiel vortludema (nur pri Margaret malfruiĝo : ŝi ne plu solecas !).

Paul CILIGA.

*P.N.* — (1) La aŭtoron de tiu ĉi sintez-artikolo mi atentigas pri la sola ĝusta ortografio de « Sebert », kiu estas *sen* supersigno.

(2) En sia eseo *Valo* esperantigis 28 proprajn no-

mojn; mi neniel komprenas, kiel li skribas « Galilejo » : la « Praktika Vortaro », ĵus eldonita, enhavas ja la korektan « Galileo » — temas fakte pri la *antaŭnomo* de tiu fama sciencisto, kiun la italoj komune uzas, kaj ni rajtas ilin imiti.

(3) Kozo : objekto, en filozofia kaj abstrakta senco; vorto uzita en « Etiko » de Kropotkin, kaj tie eksplikita je p. 231. Komparu : ulo — persono; eco — kvalito; aĵo — kozo.

(4) Nur *parto*, relative malgranda, el la 1425 unuaj decidoj de l'Akademio enkondukis ŝanĝojn; post la unua mondmilito oni faris nur *du* reformetojn kaj akceptis novan regulon pri elizio de *-as*.

(5) En nia movado sed *ne* en la vivo; politiko prefere ne konfuziĝu kun esperantismo!

(6) Dikotomio : duopa disdivido.

P. C.

**ĈINA ANTOLOGIO (1949-1959),** 412 paĝoj, 13 bildoj, bindita, kartona kovrilo kun oraj surpresaĵoj kaj eleganta kovrilvesto. Eldonita en 1959 de la Ĉina Esperanto-Ligo. Prezo : 8 NF.

Jam duafoje aperas en Ĉinujo belega kontribuaĵo al la Esperanta biblioteko kaj al la tutmonda celebrado de la deka datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Antaŭ kelkaj monatoj venis al ni bele ilustrita kaj riĉenhava Katalogo de la Ĉinaj Poŝtmarkoj; hodiaŭ, la Ĉina Antologio, ankoraŭ pli bela kaj pli rimarkinda, pruvas la viglecon de la Ĉina Esperanto-Movado kaj la seriozecon de la pretigado de tiu impona laboro. Sep tradukintoj ellaboris la tekston : S-roj S. J. Zee, Pandiŝo, Censinio, Yang-Yong-sen, Laŭlum, I.Ko kaj Honfan; fine, la kvaliton de la tradukaĵoj reviziis S-roj Ĉen kaj Zee. Sekve, la stilo estas bonega, kaj tralegante tiujn zorge presitajn paĝojn, oni nepre rimarkas la okulfrapan unuecon de stilo en la elektado de la vortoj kaj de la dirmanieroj. Kiam oni pensas pri la nemezurebla distanco inter la ĉina kaj la eŭropaj lingvoj, oni ne povas ne laŭdi la plenan majstrecon de la tradukintoj pri la internacia lingvo kaj la fleksеblecon de Esperanto, por esprimi la plej delikatajn nuancojn.

Tiun ĉi Antologion prezentas al ni S-ro Maŭ Dun, Prezidanto de la Ligo de Ĉinaj Verkistoj; malgraŭ sia amplekseco, tiu ĉi libro respegulas nur etan parton de la nuntempa literatura produktado de la Nova Ĉinujo; tamen, la eldonintoj tre kontentige sukcesis pentri veran bildon de sia lando en la ĵus pasintaj dek jaroj, dum kiuj la plej vasta lando en la mondo tiel profunde aliformiĝis! Konsistigas 21 poemoj, la unuan parton, el kiuj la unuajn kar verkis la Gvidanto mem de la nuna Ĉinujo, Maŭ Ze-dong; poste, 17 noveloj kaj 3 skizoj, multe pli ampleksaj, kompletigas la grandiozan bildon de tiuj laboremaj 670 milionoj da homoj, « Speguligi plej diversajn facetojn de la grandioza ŝanĝiĝo de la socia vivo », tia estis la celo de la eldoninto; nu, tiun ĉi celon ili plene trafis!

Unu el la elstaraj trajtoj de la novĉina literaturo, kiun ekkonigas al ni la Antologio, estas ĝia popolamasa karaktero. Ĝi ne estas plu produktaĵo de kelkaj profesiaj verkistoj, sed de granda popolo, kiu prikantas siajn profundajn sentojn per nekredebla literatura amasproduktado : dum la lastaj du jaroj ekaperis ĉirkaŭ centmil noveloj, poemoj, operoj kaj teatraĵoj. Des pli valora estas do tiu Antologio, ju pli ĝi permesas al ni ekkoni la vastajn popoltavolojn de la nuntempa Ĉinujo.

La tuta Antologio estas bone presita — eĉ unu preseraron ni ne trovis — kaj la sufiĉe dikaj litertipoj ebligas facilan kaj agrablan legadon. La titoloj kaj la komencliteroj, blue presitaj, aldonas elegantan elementon al la tuta libro. Ofte aperas en la tekstoj pure ĉinaj vortoj, sed asterisko post ili avertas la leganton ke ĉe la fino de la libro pluraj paĝoj estas dediĉitaj por la klarigo de tiuj ĉi terminoj nekompreneblaj de eksterĉinlandano.

Fine de sia Antaŭparolo la Prezidanto de la Ligo de Ĉinaj Verkistoj esperigas la aperon de pluraj aliaj volumoj de la Ĉina Antologio. Ankaŭ ni esperas kaj deziras ilian aperon, ĉar la hodiaŭa efektivigaĵo estas ne nur inda monumento, aldoniita al la jam impona Esperanto-Literaturo, sed ĉefe por ĉiuj estontaj legantoj grava ponto inter Okcidento kaj Eŭropo por pli bona konatiĝo kun la ĉina popolo. Kaj ankaŭ tial ni esperas kaj atendas ilian aperon, ĉar por ni plena bildo de la multjara ĉina civiliziteco ne povas reduktiĝi je la nura pasinta jardeko.

A. RIBOT.



**FALDFOLIOJ KAJ BROŜURETOJ.**

En faldfolio kun aliĝilo « *Oomoto Universala Homama Asocio* », la centra oficejo de Oomoto Kabeoka, Kioto-Hu, Japanujo, rapide skizas la historion de ĉi tiu spiritualisma movado — de ĝia fondiĝo 1898 ĝis nun — kaj montras ĝiajn celojn.

Aldone la Universala Homama Asocio (U.H.A.), fondita en 1925 de la majstro de Oomoto, S-ro Onisabro Deguâ, prezentas sian statuton, en kiu oni retrovas ideojn de D-ro L.L. Zamenhof pri Homaranismo.

Tiu ĉi U.H.A. celas inter aliaj aferoj al interreligia kunlaborado, al mondfederalismo, kaj partoprenis internacian kampanjon kontraŭ atombomboj kaj por malarmado. Ni rimarkigu, ke la oficiala lingvo de Oomoto-Movado estas Esperanto.

*Unuiĝo « Nederlando en la eksterlando »* Keizersgracht 606, Amsterdam C, disdonas belan faldolion, kiu per zorge elektitaj fotoj montras diversajn aspektojn, industriojn, komercojn, havenojn, k.t.p. de la rimarkinda lando, pri kiu oni diris : Dio kreis la maron, la nederlandano sian landon.

Ja mapetoj montras tre klare la gigantan laboradon, pere de kiu nederlandanoj konstante pligrandigis sian landon plej paceme, batalante nur kontraŭ la maro.

Tiu ĉi fadfolio enhavas ankaŭ multajn interesajn statistikajn sciigojn pri la lando, ĝia loĝantaro, ĝiaj importo kaj eksporto, havenoj, trafikoj, ktp. — plej zorge kunmetita kaj prezentita en bona lingvo.

De *Graz, Aŭtrujo,* alvenis tre bela fadfolio kun detala plano de la urbo, kaj priskribo en kvar lingvoj... naciaj (el ili la franca). Kun tre zorge kaj arte prezentitaj kolor-fotoj ĝi invitas al Graz, en kiun bonveninta vi volos reveni : tion ĉi asertas la faldfolio. Aldonita estas folieto en Esperanto : utilaj sciigoj pri la urbo, ĝiaj muzeoj, teatroj kaj vidindaĵoj.

Same bone prezentita, sed pli granda, faldfolio pri *Stirio* (*Aŭstrujo*), havebla en la aŭstraj au fremdaj vojaĝagentejoj, aŭ en *Landesfremdenverkehrsamt für Steiermark Graz, Herrengasse* 16.

Per multaj etaj kolor-fotoj ĝi montras la allogecon de tiu ĉi parto de Aŭstrujo, kaj donas plie detalan kvazaŭ reliefan kolormapon de la regiono.

La klarigoj en kvar naciaj lingvoj presitaj sur la folio estas tre mallongaj. Male la aldonita folieto en Esperanto entenas multajn allogajn sciigojn pri la en Stirio revo-ferio.

*Domfront,* kie okazis dum majo 1960 Normanda Esperanto-Kongreso, proponas faldfolion kun fotoj pri la malnova feŭda kastelo, remparturoj, preĝejoj, panoramoj, ktp.

Franclingve redaktita, tiu ĉi folio enhavas parteton esperantan, per kiu la gesamideanoj estas invititaj viziti Domfront. Por ĉiuj informoj sin turni al Essi Hôtel de Ville aŭ al la UEA-delegito : S-ro Véron, pl. Petite Bruyère, Domfront (Orne).

Broŝureto 16-paĝa bonaspekta kun fotoj plej ofte nigro-blankaj, montras la diversajn vidindaĵojn de *Karlsruhe* (*Germanujo*) inter Nigra Arbaro kaj Rejno.

La tekstoj estas iom ampleksaj, sed redaktitaj nur germanlingve. Malgranda aldonita folio donas kelkajn klarigojn en nia lingvo ; ĝi estas eldonita de la Iniciativa Sindikato : *Verkehrsverein Karlsruhe*.

Sendante unu respondkuponon al *Aŭstria Esperantista Federacio Wien XV Fünfhausgasse* 16, vi povos ricevi du ekzemplerojn de 28-paĝa bele presita broŝureto, kies teksto estas tute en Esperanto, kaj kiu entenas belajn fotojn pri la urbo Salzburg kaj ties ĉirkaŭa regiono (detala plano de la urbo).

La broŝureto plej fervore atentigas pri ĉiuj vidindaĵoj, diversstilaj monumentoj, preĝejoj, teatroj, banejoj, kuracejoj, kaj belega kongresejo.

Krom pezaj vortoj, konsistantaj el tro multaj elementoj, kaj tial strangetaj al ni francoj (*mezlongdistancmaŝino*) kaj ia radiko « obligi », kiu ŝajne anstataŭas « devigi », la teksto estas bona.

L. B.

---

**Komuniko de la financa estrarano**

La kasisto informas, ke maklero de 3 % (bankkosto) devas esti aldonita al ĉiu peto (escepte pri kotizoj) por transpago al eksterlando.

La « *Syndicat d'Initiative de Vienne* » en Francujo eldonis ĉi-jare belegan faldfolion turisman tute en Esperanto : la teksto estas la traduko de la franca eldonaĵo, kun kromaj indikoj por sin turni al la loka Esperanto-Grupo (gratulinda iniciato).

La tuto, trafe ilustrita per desegnoj oranĝkoloraj kun la franca teksto, verdaj kun la esperanta, estas plaĉe presita por agrabla legado... kaj ankoraŭ pli agrabla feria restado.

Ĝi estas havebla ĉe : Syndicat d'Initiative, Cour du Cloître-Saint-André-le-Bas, Vienne (Isère) Francujo.

---

**F. E.**

*Dons :*

| | N.F. |
|---|---|
| D-ro ALBAULT .................... | 2,00 |
| S-ro LUEZ .................... | 2,00 |
| S-ro AVRIL .................... | 0,50 |
| S-ro IMILDI .................... | 1,00 |
| S-ro CADENEL .................... | 10,00 |
| S-ro COLNEY (profito pri la flano). | 16,24 |

S-ro LAGNEAUX donacis librojn por nia biblioteko.

**FUNEBRO**

La 2-an de septembro en Montélimar la patro de nia agema samideano Robert LLORENS forpasis en sia 68-jaro sekve de kormalsano ; ni petas nian samideanon kaj lian familion akcepti la esprimon de niaj koraj kunsentoj.

Membro de la Pariza Esperanto-Grupo, S-ro Georges PRUD'HON, inĝeniero A.M. kaj I.C.F. kaj jam de 1907 esperantisto, forpasis la 1-an de julio en sia domicilo (Fontenay-sous-Bois), en sia 83-a jaro ; ni petas S-inon PRUD'HON akcepti la esprimon de niaj kondolencoj.

Ĉi-loka Vespera Lernejo por Plenkreskuloj por la unua fojo ofertas Esperanton kiel plenrajtan lernobjekton kun salajrita instruisto. Salutkartoj amase senditaj el ĉiuj mondpartoj multe helpos al nia sukceso. Ĉiu sendinto ricevos bildkartan respondon. Adreso : Esperanto Class-Adult Evening School-951 North Hanley Road-University City-St. Louis 30, Mo., Usono.

*Foto* de la malferma kunveno de la kongreso en Varsovio : Kiu posedas ĝin, bonvolu skribi al S-ro LENTAIGNE, 3, avenue de la Gaillarde, *Montpellier* (Hérault), kiu petos servon de vi propagandcele.

# CATALOGUE U.E.F.

## OCTOBRE 1960

| | NF |
|---|---|
| Affiche 40×60 | 0,10 |
| Affiche 80×60 (textes divers) | 1,00 |
| Blason tissu « Esperanto parolata » | 2,60 |
| Carte postale « Esperanto » | 0,10 |
| Carte postale portrait du Dr Zamenhof | 0,30 |
| Carte postale avec étoile verte | 0,05 |
| Enveloppe avec étoile verte | 0,05 |
| Fanion en toile pour bicyclette ou voiture | 1,40 |
| Insigne (bouton ou broche) | 1,10 |
| Papier à lettres avec étoile verte, bloc de 100 feuilles lignées ou non, format 13,5×21 | 2,20 |
| format 21×27 | 3,20 |
| Photographie du Dr Zamenhof 10,5×16 | 0,50 |
| Tract grammaire et vocabulaire | 0,10 |
| L'Esperanto cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Esperanto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,25 |

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| ABC de Waringhien | 1,50 |
| Dialekto, Dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Esperanto kaj Lernejo (Slovenia-Ligo) | 10,00 |
| Esperanto Legolibro (Migliorini) | 3,75 |
| Esperanto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Esperanto por Infanoj (Solomon) | 2,50 |
| L'Espéranto facile (Gaume) | 3,00 |
| Konversacia Literaturo (8 broch. méthode directe) | 1,80 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) | 4,00 |
| d° corrigés | 0,70 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setala) | 6,00 |
| Slosiloj diversaj | 0,40 |
| Traduko de la Provtekstoj en la Gvidlibro | 1,00 |
| Unua Legolibro (Kabe) | 1,75 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 1,75 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Esperanto (Grosjean-Maupin) | 8,10 |
| Fervoja Terminaro (Rosher) | 1,70 |
| Gastronomia Terminaro | 4,55 |
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) | 28,30 |
| Lexique Esperanto-Français (Léger) | 5,40 |
| Matematika Terminaro | 1,25 |
| Militista Vortareto | 1,20 |
| Les Mots Espéranto groupés (Bobin) | 1,50 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro | 15,00 |
| Scienca Terminaro | 19,60 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,40 |

### LA MOVADO (Lingvo, Historio)

| | NF |
|---|---|
| Le Docteur Esperanto (M. Ziolkowska) | 6,50 |
| La Esperanto Klubo (Malmgren) | 1,10 |
| La Esperanto Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) | 2,80 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,10 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bind | 8,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I kaj II binditaj | 19,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 15,75 |
| Per Kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) | 1,10 |
| Retoriko (Lapenna), bindita | 15,40 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |

### LITERATURO (Prozajoj)

| | |
|---|---|
| Abismoj originala romano (Jean Forge) | 3,15 |
| Akbar (Limburg Brouwer), bindita | 5,00 |
| La Alaska Stafeto (Omelka), bindita | 4,20 |
| La alia Pasinteco (Bulthuis), bindita | 7,00 |
| La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus), bindita | 5,25 |
| Angla Antologio (Auld kaj Rossetti) | 14,00 |
| Anstataŭa Edzino (Maxwel), bindita | 4,20 |
| Aventuroj de Malspertulo (Reitzel), bindita | 0,60 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita. | 4,20 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 1,75 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) | 0,75 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Doktoro Dorner (Egurrup) | 5,60 |
| El la Maniko (Rossetti) | 10,00 |
| Eseoj I (Waringhien) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) | 6,30 |
| La Firmao de la Kato kiu pilkludas (Balzac) | 1,05 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,30 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 4,00 |
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,10 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I kaj II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) | 6,30 |
| Karlo (Privat) | 1,05 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin) | 3,30 |
| Koko krias jam! (Szilagyi) | 10,00 |
| Kredu min Sinjorino! (Rossetti), bindita | 7,80 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 7,50 |
| Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted) | 3,50 |
| Morto de Trajno (Crofts), bindita | 7,50 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 16,80 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 2,50 |
| Palaco de Danĝero (Mabel Wagnalls), bindita | 4,90 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| La Princo kaj Betty (Wodehouse) | 1,70 |
| Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) | 3,15 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 10,75 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| Victoria (Knut Hamson) | 4,20 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| Ĉina Antologio | 8,00 |

### TEATRO KAJ POEZIO

| | NF |
|---|---|
| Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare) | 2,10 |
| La Bapto de Caro Vladimir (Havliĉek) | 10,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12.50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| Fabloj de La Fontaine | 2,00 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,40 |
| La Gajaj Edzinoj de Windsor (Shakespeare) | 2,10 |
| Georgo Dandin (Molière) | 2,65 |
| La Infana Raso (W. Auld) | 10,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Pasko (Strindberg) | 5,50 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| Poemoj de Omar Kajam | 2,50 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,30 |
| Romeo kaj Julieto (Shakespeare) | 2,10 |
| Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita | 8,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 2,80 |

### RELIGIO KAJ FILOZOFIO

| | NF |
|---|---|
| Maksimoj de la Rochefoucauld (franca kaj esperanta kune) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 2,50 |
| Papo Pio X beata | 3,35 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### SOCIOLOGIO KAJ POLITIKO

| | NF |
|---|---|
| Aktualaj Problemoj de la Nuntempa Internacia Vivo (Lapenna) | 7,00 |
| Federala Sperto (E. Privat) | 3.15 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | NF |
|---|---|
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako et Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 10,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 2,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,60 |
| Pola Folkoro (Grenkamp) | 2,00 |
| Adresaro por internaciaj vojaĝantoj (Rétot) | 1,20 |

### ARTO, KOMERCO, SCIENCO KAJ TEKNIKO

| | NF |
|---|---|
| La Arto fariĝi Centjara (Wegener) | 2,80 |
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,40 |
| Pri Bredado de Abeloj (Andersen) | 4,20 |
| La Vivo de la Plantoj (Neergaard) | 11,20 |
| Eta Interpretisto Franca (Rétot) | 1,20 |

### KANTOJ

| | NF |
|---|---|
| Koncerta Kantaro (Brederode kaj Veldkamp) | 3,85 |
| Internacia Kantaro (Benneman) ...... vortoj | 1,75 |
| muziknotoj | 4,55 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | NF |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 9.00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 fr.; 15 % jusqu'à 20 fr.; et 10 % au-dessus. Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris (10e). C.C.P. 855-35 Paris.

---

# RÉÉDITION

Vient de paraître la DEUXIÈME ÉDITION, sous couverture COULEUR ILLUSTRÉE ET PLASTIFIÉE de :

**NI PAROLU EN ESPERANTO.** Cours illustré d'Espéranto, en 12 leçons, par A. RIBOT : 160 pages 12 × 16 : Grammaire, Vocabulaire, Thèmes, Versions, Lectures, Lexiques E - F et F E. .......... **4,00**

---

**CORRIGÉ** des Exercices, Thèmes et Versions du Cours précédent, sur feuilles séparées. **0,70**

**DISQUE** Microsillon 45 tours, incassable, pour acquérir une prononciation parfaite de l'Espéranto, par J. PEYRONNET et S. FLEGO .......... **4,00**

**AFFICHES** 80 × 60, en papier de couleur résistant au soleil, convenant pour Expositions, salles de réunions, affichage public, etc. et comportant les textes suivants : 1. Vœu de l'Académie des Sciences. — 2. Résolution de l'U.N.E.S.C.O. — 3. Résumé de la Pétition. — 4. L'Espéranto en Chiffres. — 5. L'Espéranto, langue naturelle. — 6. Opinion d'Antoine Meillet. — 7. Opinion de Maurice Génevoix. — 8. Opinion de Georges Duhamel. — 9. Opinions de Pie X et Benoit XV.
Chaque affiche .......... **1,00**

Toutes commandes doivent être adressées à :
EDITIONS FRANÇAISES D'ESPÉRANTO, 11, rue Paul Vergnes, MARMAND.
C.C.P. 30-900 Bordeaux.

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME